# Argentina E-Vento

Oficiala organo de Argentina Esperanto-Ligo

13-a jaro n-ro 33 apr / jun 2008 [2]


## Esperanto: ĉe la Libro-Foiro




*Haydee Calducci, Silvia Rottenberg kaj Jorge Cabrera dum ĉeesto en la 34-a Internacia Libro-Foiro*

En Bonaero-urbo, de la 24-an de aprilo ĝis la 12-an de majo, okazis la **"34-a Internacia Libro-Foiro 2008".** Vizitita ĉiujare de pli ol unu miliono da personoj, estas la plej taŭga loko por disvastigi Esperanton, la internacian lingvon. Volontuloj de loka Esperanto-Movado disdonis felietonojn kaj afiŝojn.

(Vidu p. 3)

# Argentina E-Vento

13-a jaro n-ro 33 apr / jun 2008 [ 2 ]
Oficiala organo de Argentina Esperanto-Ligo
[Argentina Esperantisto 1917-1995]
Aperas kvaronjare/*Trimestral*
Dissendita al 31 landoj - Interŝanĝo dezirata

**Redaktoro** -ekde 1996-
Rubén T. Diaconu Tkachenco
Calles 119 y 122
AR-H3700FTT Pres. R. Sáenz Peña, Chaco
Argentino
rubendiaconu@yahoo.com.ar
**Kunlaborantoj:**
Rubén Sánchez: esperanto@neunet.com.ar
Emmanuel Maggiori:
emmanuelmaggiori@gmail.com

*Pri la subskribitaj artikoloj respondecas iliaj aŭtoroj kaj ili ne nepre reflektas la opinion de AEL aŭ de la redaktoro.*

**Argentina Esperanto-Ligo**
Fondita la 12-an de aprilo 1941
Re-fondita surbaze de AEL-AEA
la 9-an de decembro 1995
TTT-ejo: **www.esperanto.org.ar**



# El la Redaktejo



***Karaj legantoj.*** Informi pri Esperanto estas pli kaj pli malfacile...ĉar la novaĵoj multiĝas lande kaj eksterlande, tamen tio estas vera plezuro. Krome, ni akompanas al UEA festante sian centjariĝon kaj kune kun la internacia E-Movado ni plene ĝojiĝas pro la progreso atingita tiukampe kaj sincere deziras la samon al ĉiuj argentinaj esperantistoj, kiuj "semas kaj semas Esperante kaj antaŭen".
Bonan legadon!

***Via Redaktoro***

# Enhavo

# Novedades del esperanto y su entorno

**AEL y diversas actividades del esperanto han sido reflejados en medios de comunicación de nuestro país y del exterior**

Difusión

## Esperanto: presente en la Feria Internacional del Libro

**Visitada anualmente por más de un millón de personas, sigue siendo el lugar más adecuado para la divulgación del esperanto, la lengua internacional.**



*Logo de la Feria*


*Esperantistas informando al público sobre el idioma internacional.*

En Buenos Aires, del 24 de abril al 12 de mayo de 2008, se realizó la ***34º Feria Internacional del Libro.***

**http://www.el-libro.org.ar/ .**

El Secretario de la Escuela Argentina de Esperanto, informó sobre la realización de varias visitas a los stands, con el objetivo de difundir el esperanto entre los distintos participantes. Con la colaboración de miembros de *Bonaera Esperanto-Asocio,* se colocó el afiche de esperanto, se atendieron consultas y se repartieron folletos especialmente preparados para esta ocasión, junto a afiches de otros idiomas: chino, ruso, hebreo, guaraní, quechua, etc. Este año se abordaron las temáticas *Lectura y Escritura*.

En el marco de la Feria también se desarrolló el *11º Ciclo Internacional de Enseñanza de Lenguas Extranjeras,* al que fueron invitados a participar los esperantistas.

**http://www.el-libro.org.ar/34feria/educativas/lenguas-extranjeras.html**

**=>**

Hay que tener en cuenta que en este ciclo sobre enseñanza de lenguas extranjeras estuvieron inscriptos aproximadamente mil docentes, que participaron de las conferencias en inglés, alemán, francés y portugués, con traducción simultánea, lo que hizo evidente a todos la necesidad de una lengua común. Además de las conferencias a cargo de especialistas extranjeros, por primera vez se implementaron talleres coordinados, en los mencionados idiomas, a cargo de especialistas nacionales y del exterior, dirigidos a profesores y a estudiantes terciarios de distintos idiomas.

El objetivo fue debatir la problemática del aprendizaje de una segunda lengua.

Fernanda Vela, del Comité Organizador que nos facilitó la participación gratuita, nos informó que el próximo año estaremos invitados a realizar un "taller" o "mesa redonda" y así dar a conocer la importancia real e internacional del esperanto. Otro tanto va a ocurrir con el chino, el guaraní y el quechua, cuya importancia para nuestra región resulta evidente.

Este es un nuevo desafío para el Movimiento Esperantista Argentino que se propone como sede de un **congreso internacional** para el año 2012.-

***Rosar***



*Esperanto presente en la Feria junto a otras lenguas.*




*Afiche de la Escuela Argentina de Esperanto.*

## Enseñanza: nuevo curso

# Video para aprender esperanto

Preparé una página nueva para facilitar la bajada de un famoso video para enseñar esperanto a los niños ... pero este video ya fue usado por el *"Curso de Esperanto de la Universidad de Rochester"*, en el estado de Nueva York, en USA, en el otoño de 2006. El video completo es de 77 minutos de duración. Es más fácil bajarlo de mi página que de la página original, en inglés, porque mi página muestra todos los archivos con su dirección exacta.

Son 39 archivos en total. Mi página tiene tres versiones: en esperanto (e), en español (h), y en inglés (a).

**http://esperantofre.com/edu/kino01h.htm**

Puedes bajar: ... el video (en 6 partes) ... el texto del video (en 12 partes, pdf para imprimir) ... el vocabulario para este texto (en 11 partes, pdf) ... 4 exámenes (pdf para imprimir)

***Enrique Ellemberg***
***Fremont, California, USA***
***http://esperantofre.com/indexeo.htm***

# UEA-libroservo: la más importante librería del mundo en esperanto

A través del **Libroservo** de *Universala E-Asocio*, cuya sede opera en Rotterdam, (NL), es posible adquirir y leer las más diversas obras escritas, o traducidas, en esperanto. Libros, DVD, CD, etc. Según la revista *Esperanto,* sección "Laste aperis", estas son algunas de las ediciones recientemente publicadas y disponibles para adquirir. (*)

**Esperanto per rekta metodo.**
Stano Marĉek, 2006, 110 pág. 22 lecciones ilustradas. Método directo, para uso internacional. E 8,10

**Esperanto – lingvo de kulturo kaj personeco.**
Aleksandro S. Melnikov, 2007, 93 pág. Cómo la cultura del esperanto se refleja en el lenguaje y vida de los esperantistas. E 10,50

**Faŭsto.**
Goethe. Traducción del alemán por W. Nüesch, 2007, 257 pág. Segunda parte de la famosa obra dramática. E 18,60

**Vivo tra la mondo.**
Autores varios, 2007, 140 pág. Una veintena de autores escriben sobre la vida diaria en sus respectivos países.
E 6,00

**Brazila Esperanta Parnaso**.
Sylla Chaves, Neide Barros Rêgo. Del portugués, varios traductores, 2007, 282 pág., 307 poemas, (118 originales en esperanto y 189 originales en portugués). Amplias biografías y glosario. E 27,00

**Eksenlime. La perdita generacio**.
Harnosand, 2007, CD 41 min. Música y texto para meditación. E 12,00

**La alkimisto.**
Paulo Coelho. Traducción del portugués de C. Valle, 2007, 158 pág. Sorprendente aventura a través del mundo árabe.

(*) Los pedidos pueden efectuarse directamente a: **Universala E-Asocio, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Holanda.**
Al costo debe agregarse 10% para los gastos de envío. Pedido mínimo 4,00 euros.
Los pagos pueden efectuarse con tarjetas VISA, Master Card, American Express.
Catálogo de las obras disponibles puede consultarse en:
**http://www.uea.org/katalogo/**

Curso de esperanto

# Curso gratuito en Neuquén

En representación de la Asociación Mundial de Esperanto, (UEA), la Liga Argentina de Esperanto, (AEL), y la Escuela Argentina de la Lengua Internacional Esperanto, el Prof. Rubén Sánchez, organizó para el presente ciclo lectivo, el *Curso Gratuito de Idioma Internacional Esperanto.* Tras diligentes tramitaciones, el curso cuenta con los auspicios de la Secretaría de Cultura y Deportes de la Municipalidad de Neuquén, (Disposición Nº 008/08) y de la Subsecretaría de Cultura de la Provincia de Neuquén, (Disposición Nº 007/08). El curso se desarrolla en la Biblioteca Alberdi, de la capital neuquina, desde el mes de marzo, los 1º y 3º sábados de cada mes, de 11:00 a 12:00. Una tarea digna del mayor elogio.

# Esperanto en la campaña de Obama

En los EE.UU., donde algunos suponen sólo se habla inglés, el pre-candidato a Presidente, Barack Huseyn Obama, incorporó también el esperanto en los subtítulos de su clip musical ***“Yes, we can”.*** Esta propaganda política se difundió en inglés, chino, francés, español y esperanto.

***Heroldo de Esperanto (CH)***

# Esperanto en los Juegos Olímpicos Beijing 2008

China incorporó el esperanto entre las 9 lenguas oficiales mediante las cuales informa sobre las próximas olimpiadas a realizarse en ese país. Entre los idiomas europeos sólo se incluyeron el inglés, francés, alemán y español. Esto señala la importancia otorgada al esperanto como lengua transnacional y lengua de gran actualidad. De esta manera China rompió el tabú de quienes piensan que el esperanto es una lengua que no prosperó y que fue sólo un idioma del siglo pasado.

***Esperanta Informado (ES)***

## Interrete

# Esperanto ĉe *Google*

### Bona bazo ankaŭ por utiligo de serĉilo kiel granda korpuso de Esperanto.

La vortojn “kaj estas”, eventuale “kaj la estas”, ĉu vi rekonas ĝin? Jes, ilin oni uzas en serĉiloj kiel *Google* aŭ *Yahoo* kiel aldonon al la efektive serĉata esprimo, por elfiltri el la tuta reto nur la esperantlingvajn paĝojn kaj en tiuj serĉi.

Ekde kelkaj monatoj tamen tiaj vortoj ne plu estas necesaj, ĉar *Google* decidis rekoni Esperanto-komunumon, aldonante Esperanton kiel unu el la lingvoj laŭ kiuj eblas filtri la rezultojn de serĉo.

La nova decido de *Google* envicigas Esperanton inter nur 43 lingvojn, al kiuj eblas limigi la rezultojn de efektivigata serĉo. Tial la robotoj de *Google* nun trairante la reton aŭtomate rekonas retpaĝojn skribitaj en Esperanto. Saman pozicion kiel nun Esperanto ankoraŭ ne havas en *Google* tiom grandaj lingvoj kiel hinda, la bengala, la latina, la afrikansa aŭ svahila. Cetere, Esperanto estas la sola artefarita lingvo tiel agnoskita.

Por serĉi, uzu la adreson:

http://www.google.com/webhp?hl=eo&lr=lang_eo

Laŭ la provizataj informoj, ŝajnas ke *Google* nun kapablas serĉi ene de pli ol 2.680.000 Esperantlingvaj paĝoj.

# “Fajrovulpo” en Esperanto

### La populara, libera retnaviga programo “Firefox” nun ekzistas en Esperanto.

La unua versio de la traduko de *“Firefox”* estis publikigita en la lasta semajno de septembro 2007, sed la kompletigo kaj plibonigado de la Esperanta versio daŭras. *“Firefox”* en Esperanto nomata ankaŭ “Fajrovulpo”, estas populara, senpaga retkrozilo, la plej serioza konkuranto de *Microsoft Internet Explorer*. Laŭ multaj spertuloj *“Firefox”* estas pli bona kaj pli sekura ol *Internet Explorer*, kaj bone sekvas al validajn normojn. Legu ĉe:

**www.liberafolio.org/2007/fajrovulpo**

*Esperanto, januaro 2008, p. 12, 13*

Nia libro

# “¿Sabe Ud. Esperanto?”

**El Bilbao, Hispanio, ni ricevis leteron pri la lernolibro de Jorge Hess, la plej uzata de hispanparolantoj.**

Saluton estimataj!

Dum pluraj jaroj mia loka E-Asocio “Grupo Esperantista de Bilbao” (fondita en 1906), uzis –laŭ mia iniaciato– por siaj E-kursoj (ekde 1993) la lerno-metodon *“¿Sabe Ud. Esperanto?”* de Jorge Hess, via samnaciano. Bedaŭrinde kaj ĉar la originala libro estis tro malgrand-formata kaj malkonforte mani-pulebla –kaj tio rezultigis apenaŭ uzeblecon por lernantoj– ni devis ĝin uzi per fotokopioj pli-grandigaj (je 35 %, t.e. kun rezulta formato A-5 [duono de ordinara folio])¹. Tion (la netaŭgeco de la eldonaĵo [Buenos Aires, 1962] kaj ankaŭ de tiuj postaj [en la eldono de 1987 la folioj emis disfali ege rapide!]), kaj la provizoreco de nia “foto-kopia solvo” certe rezultigis bildon malmodernan kaj amatorecan de la [hispan-lingva] E-movado je niaj lernantoj. Aldone, la dum jaroj praktike nure uzebla vortaro, la *“Lexicón Sopena”* (Barcelona, 1967 kaj postaj represoj) de J. Paluzie-Borrell, estis –kvankam utila lernilo– tre elementa kaj vere liliputa formate [13,5 x 7,5 cm], taŭga eble por vojaĝoj sed ne tiom por klasoj (la vortaro de E. Tudela Flores [Valencia, 1959] estis simila sed ankoraŭ pli malnova).




Dum jaroj, la lerno-libro de J. Hess (per niaj fotokopiaj pligrandigoj) ankaŭ oni uzis en la *Kursoj de Esperanto* diskonigitaj (ekde la jaro 2001 ĝis nun) en la Vaska Universitato de Bilbao far profesoro Miguel García Iturrioz, li tre ŝatis la metodon.

Ĉe ni estis konsento, la lernilo de Jorge Hess estis la plej bona hispan-lingva E-lernolibro (uzebla tiom por klasoj kiel por memlernado) ĝis nun publikigita. Intertempe aperis la lerno-libro de Miguel Gutiérrez Adúriz *“Esperanto. Curso del Idioma Internacional”* (Santander, 1995), modern-stila kaj kun bildoj tre kvalitaj, kaj kvankam ne tiom ambicia enhave, –ĝi pli supraĵe *“enkondukas”* al la lingvo ol tiu de Hess–, tamen estas neriproĉebla grafike kaj formate. Kiel perfektiga lernilo en Hispanujo oni daŭre uzas kaj rekomendas –kaj prave!– *“Nuevo método de Esperanto”*-n (Madrid, 1982 kaj postaj reeldonoj) de F. de Diego, kiu malgraŭ la titolo, ne estas metodo sed elstara konsulta man-libro pri la lingvo.

Fakte tiuj tri lerno-libroj daŭre aperas en la ret-paĝoj de Hispana E-Federacio kaj je la du last-tempe priesperantaj [informigaj] libroj eldonitaj en Hispanujo (*“El esperanto: fenómeno de la comunicación”* de W. Aŭld [Madrid, 1993] kaj *“El esperanto: lengua y cultura”* de A. Valén [Santander, 2004]), kiel la solaj (libro-forme) rekomendindaj E-metodoj kaj gramatikoj en la hispana. Je tiuj oni trafe diras pri la metodo de Hess, *“método bastante tradicional. pero muy seguro”*. Nekredebla magra rikolto por pli ol centjara historio de Esperanto hispan-lingve, ĉu ne?

Ne malofte, konversaciante kun Miguel Gutiérrez Adúriz (mult-faka hispana E-aktivulo kaj aŭtoro de unu el la supre menciitaj E-metodoj kiu last-tempe ankaŭ surmerkatigis modernan kaj ne malhaveblan du-direktan [español-Eo/Eo-hispana] vortaron elementan *“Amika”* [jaro 2007]) ni ambaŭ bedaŭris ke de la libro de Hess intertempe ne aperis aktualigita versio, kun

ekzemple pli modern-stilaj desegnaĵoj kaj taŭga formato.

Fakte kaj post ĉi-supra eble nenecesa longa *"enkonduko"*, mi nur volis fari al vi kelkajn demandojn pri tiu ĉi merit-plena metodo verkita de J. Hess:

● Ĉu, krom la versioj nun cirkulantaj en la Reto, de la lerno-libro *"Sabe Ud. Esperanto?"*, ekzistas ankaŭ versio en PDF-formato? Se ne, ĉu ne konvenus ĝin fari kaj libere publiki en la Reto? Iamaniere ĝi estus omaĝo al tiel valora verko kaj ties aŭtoro. Ĉu utilus por tio mia sendita Word-dosiero, kiun origine mi prenis el la Reto sed rearanĝis laŭ la enhavo libra (grafike kaj liter-tipe), po lecionoj kaj en formato A-5 [21 x 15 cm]?

● Inter la libro-forma versio kaj tiu reta, mi trovis kelkajn malsamaĵojn (almenaŭ tridek-kelkaj!); ĉu tiuj de la reta estas ŝanĝoj (aŭ plibonigoj) iam faritaj de la aŭtoro? En la kunsendita Word-dosiero la diferencoj aperas flave surstrekitaj (paĝoj 26, 33, 37, 54, ktp.).

● Ĉu via asocio ankoraŭ vendas la lerno-libron de Hess? Ĉu temas pri nuraj represoj de la unua eldono [1962]?

Samideanan saluton el norda Hispanujo,

***Jose-Ignacio Vélez (Bilbao, Hispanujo)***

**P.S.:**

[1] La "fotokopiaĵo" ni bindis per spiralo (vidu foton kunsenditan) kio rezultigis tre konforte manipuleblan *"kajeron"*. Tiun bindmanieron estas tre oportuna kiam temas pri lerniloj (almenaŭ se lingvaj). Ekzemplo tia estas la angla-lingva, fama, E-metodo, *"Jen nia Mondo"* de J. C. Wells [Anglio, 1974 kaj postaj].

***NdlR:** Nia propono estas publikigi ĉi tiun mesaĝon, por ke iu volontula instruisto-grafikisto proponu sin kaj faru la bildaranĝon por pli moderna kaj pli alloga instrumetodo de la libro de Hess.*

## Muziko en la reto

Musklaku ĉe la suba adreso kaj spektu brazilaninon Neide Barros Rêgo kantanta *"Nigraj Okuloj"*, rusa cigana muziko, tradukita al Esperanto de Boris Kolker.

www.youtube.com/watch?v=hBdq8wTmhrs

***Inf. Aloísio Sartorato***

# Amerike

## Kubo

# Osmo Buller esploris pri UK en Kubo

**De la 2-a ĝis la 9-a de februaro 2008, partoprenis la Simpozion "Centjara Jubileo de UEA" organizita de Kuba E-Asocio, kaj esploris pri okazigo de estonta Kongreso.**

Osmo Buller, la ĝenerala direktoro de UEA, vizitis Kubon de la 2-a ĝis la 9-a de februaro 2008 laŭ invito de Kuba Esperanto-Asocio. La celo de lia vizito estis esplori la kondiĉojn por okazigi la Universalan Kongreson de Esperanto en Havano en la jaro 2010. Kun subteno de ŝtataj, urbaj kaj turismaj aŭtoritatoj KEA invitas la esperantistan mondrenkontiĝon al Kubo jam por la dua fojo. Unuafoje la UK, la 75-a, sukcese okazis en la kuba ĉefurbo en julio 1990.

Buller renkontis funkciulojn de diversaj instancoj, kies sinteno al la reokazigo de UK estas tre entuziasma. Li estis akceptita i.a. de s-ro Fernando Rojas, vicministro pri kulturo, kaj s-ro Conrado Martínez, prezidanto de la Kuba Kongresa Buroo kaj antaŭe urbestro de Havano. Krome li renkontis funkciulojn de la Ministerio pri Turismo, Kuba Libro-instituto, Fremdlingva Eldonejo José Martí, la nacia flugkompanio Cubana kaj Radio Havano. Grava estis la rekonatiĝo de Buller kun la kongresejo, kiu en 1990 donis perfektajn kondiĉojn por la UK. Intertempe ĝi estis renovigita, kun alkonstruo de hotelo, kie la kongresejo disponas pri pliaj salonoj. La ĝenerala direktoro vizitis multajn hotelojn kaj restoraciojn, admirante la multobliĝon de ilia nombro kaj entute la radikalan disvolviĝon de turismo en Kubo dum la pasintaj 18

jaroj. Unu tagon li pasigis en la fama strandparadizo Varadero ĉ. 140 kilometrojn oriente de Havano.

Dum la vizitoj al unuopaj lokoj Buller estis akompanata de estraranoj de Kuba Esperanto-Asocio. Buller ankaŭ kunsidis kun praktike la tuta estraro de KEA dufoje en la bela sidejo de la Asocio. Surpriza kaj agrabla estis la konatiĝo kun s-ro Abdel Fattah Ezzeldin, ambasadoro de Egiptio, kiu lernis Esperanton en 1982 en Budapeŝto. Li invitis s-anon Buller kun reprezentantoj de KEA al sia loĝloko por vespermanĝo, kiun ĉeestis ankaŭ la ambasadoroj de Jamajko, Kamboĝo kaj Pollando, honora konsulo de Finnlando, direktoro de la oficejo de Unesko por la Kariba regiono, kaj prezidantino k.a. funkciuloj de la Nacia Unesko-Komisiono de Kubo. Dum la vespero la ambasadoro pruviĝis lerta pledanto por Esperanto, kiu kun siaj Esperanto-kolegoj kompetente respondis al plej diversaj demandoj de la ne-esperantistaj gastoj.

Ĵaŭdon, la 7-an de februaro, okazis en la teatro de la Nacia Biblioteko José Martí simpozio pri la 100-jariĝo de UEA, kun partopreno de ĉ. 100-kapa publiko. La festparolanto estis Osmo Buller, kiu laŭdis la simpozion kiel "eble la unuan grandan aranĝon omaĝe al la jubileo de UEA". Pri sia esperantisteco kaj idealoj kaj avantaĝoj de la lingvo verve parolis ambasadoro Abdel Fattah Ezzeldin. Prelegojn pri la historio de la movado en Kubo kaj ĝiaj ligoj kun UEA faris la prezidanto de KEA Julián Hernández Angulo, kunordiganto de la Amerika Comísiono de UEA Maritza Gutiérrez González, kaj la estraranoj de KEA Juan Ramón Rodríguez kaj Alberto Fernández-Calienes Barrios. Kiel omaĝon de la kuba esperantistaro al la forpasinta Claude Piron aktorino Yoandra Isabel Rodríguez deklamis lian poemon ***"La sufero de l´aliaj".*** Poemojn de Aquiles Nazoa kaj L. L. Zamenhof deklamis aktorino Georgina Almanza.

Lige kun esploroj pri estontaj UK-oj la ĝenerala direktoro de UEA havas en sia vojaĝplano almenaŭ Moskvon, kien li planas iri en majo.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***



# Eldonejo Lorenz kaj plia datreveno

## En tre frata etoso Eldonejo Lorenz festis sian 32-an jaraĝon.

La 13-an de decembro 2008, la Spriritisma Eldona Asocio F. V. Lorenz, kunvenis kadre de sia festdatreveno kaj prezentis sian Konsilantaron por la periodo 2009-2011. La gvidanto de la kunveno, Robinson Mattos, malfermis la programon per bonvenigaj vortoj kaj preĝo. Danilo Villela prelegis reliefigante la gravecon de Esperanto kiel ilo por paco kaj la gravan rolon kaj respondecon de ĉiu esperantisto por tiu celo. La preleganto atentigis la ĉeestantaron pri la tasko de la Eldonejo Lorenz dum 32 jaroj, ĵetante fratajn kaj amajn lumojn al ĉiuj anguloj de la mondo. Tre interesa detalo de la programo estis la retrospektivo 2007, kiam Robinson prezentis ekrigardon en la pasintan jaron pri la agoj de la eldonejo, kiel lanĉo de libroj kaj DVD, la trimonata bulteno *Komunikoj,* partopreno en diversaj E-aranĝoj kaj la Universala Kongreso en Japanio. Ĉe la fino kantistino Julieta kaj Vilma brile kantis pri la naturo kaj por la fino estis preĝo.

***Esperanto, februaro 2008***

# Kongresoj en Ameriko

- **ELNA.** La 53-a E-Kongreso de Norda Ameriko okazos en Montréal, Québec, Kanado, de la 11-a ĝis la 14-a de julio. Informoj: <elna@esperanto-usa.org>
- **TAKE.** La 7-a Tut-Amerika Kongreso de Esperanto okazos ĉijare en Montréal, Québec, Kanado, de la 11-a ĝis la 18-a de julio. Informoj <informo@take7.ca>
- **Brazilaj Esperanto-Kongresoj.** La ĉijaraj Kongresoj de Esperanto okazos en Fortaleza, CE, de la 12-a ĝis la 16-an de julio, t.e. la 42-a Brazila Kongreso de E-o, la 28-a Brazila Junulara Esperantista Kongreso kaj la 7-a Infana Kongreseto de Esperanto. La temo estos: *Infanoj, kia grundo!* Organizas Brazila E-Ligo. Informoj ĉe: www.esperanto.org.br.

Universala Esperano-Asocio

# UEA: 100 jaroj da laboro

### Salutvortoj de la prezidanto.

En Ĝenevo, la 28-an de aprilo 1908, Hector Hodler fondis Universalan Esperanto-Asocion. Nek la senmond-milita mondo de la tiama tempo, nek la ideo de universaleco, nek la sento de identeco de la esperantistoj restis la samaj ĝis la hodiaŭa tago, en kiu ni, kun ĝojo kaj ankaŭ kun porokaza enpensiĝo, festas la centjariĝon de realaĵo nun ĝenerale rekonata kiel la reprezenta monda Esperanto-organizaĵo.

Mi volus tiun ĝojon dividi kun vi ĉiuj, kiuj ricevas mian mesaĝon. Indas dividi ankaŭ niajn ĉi-okazajn primeditojn. Historiistoj jam dediĉis al tiu ĉi jubileo klerigajn intervenojn. Sendube sekvos aliaj kontribuaĵoj; ni ne perdu ĉi tiun okazon, en kaj ekster la Asocio, rerigardi ĝian unuan jarcenton, kaj legi kontribuaĵojn de aliaj por firmigi nian kolektivan konversacion same vigle, kiel ni tion faris okaze de la centjariĝo de la lingvo mem. Feste salutas

***Probal Dasgupta***
***Prezidanto de***
***Universala Esperanto-Asocio***

# Jubilea etoso

### La 28-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA okazis la 26-an de aprilo.

La Malferma Tago estis markita de la 100-a datreveno de la fondo de Universala Esperanto-Asocio.

Diference de la jarfina Malferma Tago, kiu ĉiujare okazas en la lasta sabato de novembro, la "printempa" ne havas fiksan daton, sed ĉi-foje ĝi nature estis arânĝita en la sabato plej proksima al la fondotago de UEA, la 28-a de aprilo. Entute 125 vizitantoj el 19 landoj plenigis la UEA-domon. Inter ili estis ankaŭ ĉiuj estraranoj de UEA, kiuj tuj post la Malferma Tago havis 3-tagan kunsidon.




Oni aŭdis du prelegantojn. La prezidanto de UEA, prof. Probal Dasgupta titolis sian prelegon "Historio por malfermi la estontecon", omaĝe al la simbola signifo por nia kulturo de la samtitola ĉina-japana-korea komuna verko pri la konflikta historio de la regiono. Li alvokis al la lanĉo de Esperanta Pedagogio por la 2-a jarcento de UEA, taŭge utiligante la bonŝance hibridan karakteron de Esperanto en la nuna historia momento de la homa socio. D-ro Ziko van Dijk faris du-partan prelegon pri "UEA tra la tempoj" ordigante sian riĉan materialon per sinsekvo de ĉapitroj kaj demandoj pri la klopodoj konstrui mondskalan tegmenton por la Esperanto-movado. Li emfazis la konstantan zorgadon pri la "plusvaloro" de UEA, nome la internaciaj kongresoj kaj reprezentado de la esperantistaro antaŭ internaciaj instancoj, portado de Esperanto en landojn kie ĝi ne ĉeestas, ktp.

Plene konkeris la publikon Nanne Kalma kaj Ankie van der Meer el la kantogrupo Kajto, kiuj donis du unuhorajn koncertojn. La programeron "TEJO sin prezentas"

prizorgis Gregor Hinker, prezidanto de la junulara sekcio de UEA, kun la TEJO-volontulino Julia Noe. Aldone al la tradicia senpaga loterio TEJO aranĝis skriban kvizon, kies respondojn oni devis serĉi dise tra la domo. Okazis prezentoj de novaj eldonaĵoj por veki apetiton por butikumado en la libroservo, kiu funkciigis ankaŭ la tradician bazaron de esperantaĵoj en la sekretaria ĉambro de la CO. La pinta titolo de la tago, kun 21 venditaj ekzempleroj, estis la freŝe aperinta *"Ksenofobia gvidlibro al la nederlandanoj",* sekvata de la libro de Heidi Goes pri la historio de Esperanto en Afriko, *"Afero de espero",* kiu vendiĝis en 16 ekzempleroj. Popularaj estis krome la adresaro de *Pasporta Servo* (9 ekz.), la ampleksa versio de *"Komuna Eŭropa Referenckadro por lingvoj"* (6 ekz.), la araba proverbaro *"La trezoro"* (6 ekz.) kaj la islanda mitologia verko *"La Edda"* (5 ekz.). La vendoj de libroj k.a. varoj sumiĝis entute je 3135,87 eŭroj.

En la vespero la Estraro de UEA invitis la stabon de la Centra Oficejo, kelkajn eksoficistojn kaj aliajn gastojn al jubilea bankedo. Kiel honora gasto partoprenis s-ino Birthe Lapenna.

La sekva Malferma Tago okazos sabaton, la 29-an de novembro.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# UEA ĉe Unuiĝintaj Nacioj

## Signifa sukceso en Ĝenevo. UEA-komitatanoj ĉeestis la tre gravan simpozion.

Kun plezuro ni resume informas, ke la Simpozio pri "*Lingvaj rajtoj en la mondo: la aktuala situacio*" sukcese okazis 2008-04-24, ĉe Unuiĝintaj Nacioj de Ĝenevo, Svislando. Per tio la UEA-estraro realigis rekomendon kiun la Komitato adresis al ĝi en Jokohamo.

**La paĝaro** de la aranĝo, iom post iom pliriĉigota per fotoj kaj per la eblo elŝuti registraĵon de la tuta aranĝo en tri lingvoj, troveblas ĉi tie: http://www.lingvaj-rajtoj.org/

**La aranĝo** kiu sukcese okazis en Ĝenevo, okazis en la tre impona palaco de Unuiĝintaj Nacioj, kun impona elrigardo al la parko kaj al la lago. [Probal Dasgupta atentigis, ke "en ĉi tiu loko Francujo iam metis sian veton kontraŭ Esperanto"].

**Lingvoj:** estis angla, franca kaj Esperanto. La interpretistoj laboris la tutan tagon senpage. La interpretistoj inter la angla kaj la franca venis de asocio, kiu celas ĝuste helpi asociojn, kiuj volas arangi internaciajn renkontiĝojn kaj bezonas volontulajn interpretistojn. Al Esperanto kaj de Esperanto interpretis Istvan Ertl kaj Cyrille Hurstel.

**Oficialaj salutoj:** de pluraj UN-instancoj. De la Ĝenerala Direktoro de UN-Ĝenevo, de la estro de la Kunliga Oficejo kun NRO-oj, de la vic-prezidanto de CONGO (la asocio de asocioj en konsultaj rilatoj), kaj kunprezidis la kunvenon en la mateno la eksa prezidanto de CONGO, Renate Bloem, tre konata persono en UN-medioj. Interese, ke ĉiuj salutantoj sentis la bezonon enkonduki unu-du frazojn en Esperanto en siajn tekstojn. Salutis kaj prezidis kompreneble Probal Dasgupta nome de UEA kaj salutis la prezidanto de Svisa Esperanto-Societo, Didi Weidmann.

**Prelegoj:**

- de Tove Skutnabb-Kangas pri "Lingvo, Edukado kaj (rompo de) Homaj Rajtoj". Ŝi aparte emfazis la lingvan rajton de infanoj ricevi edukon en sia gepatra lingvo, kaj la genocidajn situaciojn, kiuj ekzistas, kiam oni praktike devigas ĉiujn infanojn de difinita popolo transiri al alia lingvo.
- de François Grin pri "Interkompreniĝo kiel strategio por lingva justeco". Esence temas pri modelo, pri kiu li nun laboras, utiligi la interkompreneblecon inter lingvoj de la sama grupo en Eŭropo por malpliigi la tradukkvanton kaj samtempe garantii al ĉiu servon en lingvo, kiun li povas facile kompreni.
- de Michele Gazzola pri "Instruado en universitatoj: la lingvaj gajnoj kaj malgajnoj pro internaciismo"

Temis esence pri la malpozitivaj sekvoj de la troigita interpreto de la bezono instrui en la angla en eŭropaj universitatoj, kaj de la diskriminacioj kontrau esploristoj, kiuj ne verkas en la angla.
- John Mateo López, ambasadoro Ronald Barnes kaj Flor Calfunao parolis pri la situacio de la propraj popoloj indiĝenaj respektive en Kolombio, Alasko kaj Ĉilio.

**Debatoj:** pluraj membroj de la publiko intervenis, kelkaj en Esperanto, kaj ankaŭ la reprezentanto de unu el la ĉeestantaj Ne-Registaraj Organizaĵoj. Temis pri la Asocio por la defendo de la savoja lingvo.

**Publiko:** laŭ kalkuloj estis 80 homoj, kiuj en difinitaj momentoj tute elĉerpis la eble-cojn de la salono. Ne estas facile taksi kiom da esperantistoj kaj kiom da neesperantistoj, eble duone-duone. Rimarkinda ĉeesto de klaso de gejunuloj el svisa supera lernejo, gvidataj de la instruisto, Mireille Grosjean.

**Konkludoj:** Necesas evoluigi la faritan laboron por ke UEA kaj la paĝaro **www.linguistic-rights.org** iĝu atento-punkto de ĉiuj, kies lingvaj rajtoj estas mal-observataj, kaj por ke homoj ĝenerale kom-prenu, ke Esperanto estas rimedo por defendi lingvajn rajtojn.

**Dankegoj:** al ĉiuj lokaj esperantistoj, kiuj laboregis por ke la afero sukcesu: Charmian Common, Stefano Keller, Nicola Margot, Cesco Reale. Apartan dankon al Lee Chong-Yeong pro liaj ideo-propono, persisto, konsilado kaj kuraĝigo.

***Renato Corsetti, Italio***

Pollando

# TV Esperanto

Laŭ iniciato de polaj esperantistoj el la urbo Bjalistok, komenciĝis la elsendo de TV ESPERANTO. Por spekti la unuan programon, kiu havas interalie intervjuon kun la nepo de Zamenhof, sufiĉas alklaki sube:

**www.itvc.pl**

kaj sekve elekti la opcion "TV Esperanto".

***Informis: Aloísio Sartorato, Rio/Brazilo***

# Japanio suverena en la membro-estatistiko de UEA

## Pri la nombro de la 2007-membraro.

La Jokohama UK faris el Japanio superpotencon en la membrostatistiko de UEA en 2007. La nombro de in-dividuaj membroj en la pasintjara kongreslando pli ol duobliĝis: el 410 en 2006 al 858. Kun 991 aligitaj membroj Japanio live-ris entute 1849 membrojn de UEA kaj gajnis la unuan lokon ankaŭ en la suma statistiko de ambaŭ specoj de membreco, same kiel en 2006, sed tiam la diferenco kun Germanio estis nur 84, dum en 2007 ĝi estis 572.

En multaj landoj la efiko de UK al la membriĝoj estis minusa. Estis entute 6011 individuaj membroj; en 2006 ili estis 6066. Perdis precipe la landoj, kie la Florenca UK akcelis membriĝojn en 2006, i.a. Francio (-121), Italio (-84), Hispanio (-43) kaj Svislando (-30). Tamen, la ĝenerala malkresko ne okazis pro UK sed pro tio, ke IJK estis malpli granda ol en 2006. La malplimultiĝo de junaj (malpli ol 30-jaraj) membroj estis pli granda ol la ĝenerala malkresko. La nombro de junaj individuaj membroj de UEA -- samtempe individuaj membroj de TEJO -- estis 394 (-121). En 2008 TEJO tamen denove antaŭvidas pli grandan IJK kaj sekve ankaŭ kekreskon de siaj individuaj membroj.

La distribuo inter la diversaj kotiz-kategorioj estis: Membroj kun Gvidlibro 386 (375 en 2006), Membroj kun Jarlibro 1468 (1308), Junaj Membroj kun Jarlibro 229 (342), Membroj-Abonantoj 2825 (2862), Junaj Membroj-Abonantoj 128 (132), Dumvivaj Membroj 809 (824), Junaj Dumvivaj Membroj 24 (25), Dumvivaj Membroj kun Jarlibro 58 (50), Junaj Dumvivaj Membroj kun Jarlibro 13 (16), Honoraj Membroj 63 (64), Membroj de Honora Patrona Komitato 8 (8). Apud Japanio, almenaŭ 100 individuajn membrojn

liveris Francio (548), Germanio (514), Brazilo (344), Usono (330), Nederlando (249), Italio (204), Svedio (164), Finnlando (156), Rusio (151), Britio (149), Belgio (148), Hispanio (143), Ĉinio (141), Hungario kaj Pollando (po 100).

La nombro de aligitaj membroj estis 11477 (-255). Temas pri tiuj membroj de la aliĝintaj landaj asocioj, kiuj ne estas individuaj membroj de UEA. Kun 1051 aligitaj membroj la landa asocio de Ĉinio sola superis la limon de 1000. Sekvis la asocioj en Japanio (991), Germanio (763), Italio (737), Belgio (513), Pollando (500), Britio (391), Usono (385), Francio (332) kaj Svedio (326). La aliaj asocioj pagis por malpli ol 300 membroj. Inter la aligitaj membroj tiuj malpli ol 30-jaraj estas samtempe aligitaj membroj de TEJO. Ili nombris 1979, kio signifis malkresketon de 20 membroj.

La tuta membraro de UEA, t.e. individuaj kaj aligitaj membroj kune, estis 17488. En 2006 ĝi estis 17798; sekve okazis malkresko de 310. Daŭras do la falanta tendenco. Dek jarojn pli frue, en 1997, UEA vais 20131 membrojn, kiuj konsistis el 7113 individuaj kaj 13018 aligitaj membroj. Ekde 1999 la suma nombro insiste restas sub 20000.

Ĉefe pro la malkresko de individuaj membroj, falis ankaŭ la nombroj de pagitaj abonoj al la revuoj de UEA kaj TEJO. La oficiala organo de UEA, *"Esperanto"*, nombris 4017 pagitajn abonojn (-72), kaj la socikultura revuo de TEJO, *"Kontakto"*, 745 abonojn (-148).

Laŭlanda statistiko de la membraro de UEA troviĝas en la aprila numero de *"Esperanto"*.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## Jubileo en orienteŭropa lando

# Centjariĝo de Esperanto-Asocio en Rumanio

**Inter la 30-a de aŭgusto kaj la 3-a de septembro 2007, la rumania esperantistaro festis la centjariĝon de la landa E-asocio.**

La eventon organizis EAR, kune kun skolta societo *Edelvejso-Campulung-Dorna* kaj la rumana ILEI-sekcio. Partoprenis ĉirkaŭ 60 personoj, inter kiuj ankaŭ eksterlandanoj el Britio, Belgio kaj Nederlando. La arangô okazis en la Kulturdomo de ***Vatra Dornei***, fama ripoz- kaj kuracloko en la norda regiono *Moldavio.*

La programo enhavis: E-kursojn, (Aurora Bute, Mihai Trifoj, Emil Crancau kaj Ionel Bodale); Tutlandan Simpozion kies temo estis *100 jaroj de Esperanto en Rumanio* kun prelegoj de Marian Vochin, Doru Neagu, Attila Makay, Aurora Bute, Jozefo E. Nagy kaj Marian Constantinescu. La partoprenantoj povis vidi E-ekspozicion. Dum la ILEI-kunveno oni raportis pri la agado de la rumana ILEI-sekcio, oni prezentis la projekton FRINGOJ *(Festa Renkonto Internacia de Geknaboj)* kaj Lingvolanĉilo kaj parolis pri la Novaj ELEI/UEA-ekzamenoj laŭ la Referenckadro de la Konsilio de Eŭropo.

Kadre de la programo ankaŭ okazis Tutlanda E-Kongreso, en kiu oni presentis la agadraporton de la asocio, la financan raporton kaj oni elektis novan estraron.

Ne mankis arta programo, plenumita per kantoj kaj dancoj fare de gelernantoj el *Suceava* kaj *Baia Mare*. La ekskursa aranĝo estis: vizito al Etnografia kaj Naturscienca Muzeo kaj tuttaga ekskurso al famaj monahejoj: *Moldovita, Sucevita, Voronet* kaj *Putna.*

La bona rezulto de la aranĝo estas i.a. la sinanonco de tri lernejaj klasoj por studi Esperanton en la urbeto *Vatra Dornei* kaj la preteco de la loka organizanto, la instruisto N. Macovei, partopreni kun grupo de gelernantoj la projekton FRINGOJ en la Kastelo Grezijono, Francio.

***Skizo el "Esperanto", januaro 2008, p. 11***

# Unuafoje en Groseto kongresas infanoj

**Tre interesa programo kadre de la Itala E-Kongreso.**

Kiel vi ĉiuj scias, de la 22-a de la 29-a de aŭgusto 2008 okazos en Groseto, la 75-a Itala Kongreso de Esperanto. Kaj granda novaĵo estas ke ĉifoje oni ne devos trovi kien "parki" viajn infanojn.

La Kongreso jam solvis la demandon por vi, kaj organizis "parkejon" por viaj infanoj. Dum vi kongresas ili kongresos, dum vi laboras ili ludos... Internacia strukturita stabo prizorgos interanacian grupon da infanoj samtempe al la Kongreso, en oportuna strukturo prizorgata da la eklezio.

La solaj limoj estas: **aĝo** - infanoj de 6 ĝis 13 jaroj de aĝo; **lingvo** - ili devas paroli Esperanton sufiĉe por ne troviĝi en aŭ krei emabarason.

La prezo ne estas limo, ĉar la tuto kostos nur 250 eŭroj por la plenaj 5 tagoj. Sin anoncoj kaj informoj: esperanto@edistudio.it
75-a Itala Kongreso de Esperanto
75° Congresso Italiano di Esperanto
http:/italakongreso.esperantoitalia.it
esperanto@edistudio.it

*Informitale*
***Itala Esperantista Junularo***
***iej@esperanto.it***

Raporto pri la Virina Tago

# Solidareca mesaĝo el Hirosima

**OSIOKA Taeko, kaj ŝia edzo agadas por Esperanto en urbo Hirosima, JP. Ankaŭ ĉi-jare ili petis kunlaboron por la Internacia Virina Tago de UN 2008 en Hirosima.**
*(Vidu Argentina E-Vento n-ro 32)*

En Hiroshima, la 8-an de marto 2008, okazis kunvenoj de la Internacia Virina Tago de UN, ĉe Suda Kultura Halo, kun 500 partoprenantoj, kaj ĉiuj ricevis broŝuron de viaj mesaĝoj.

Krome, de la 2-a ĝis la 9-a, marto, ĉe la Urba Virina Eduka Centro okazis ekspozicio de la mesaĝoj, kaj 200 vizitantoj legis interese ĝin sume 157 mesaĝojn el 50 landoj: **el Azio (17):** Barato 2/ Ĉinio 3/ Irano 1/ Israelo 3/ Kazaĥio 1/ Koreio 2/ Nepalo 2/ Pakistano 1/ Uzbekio 2/; **el Oceanio (6):** Aŭstralio 5/ Novzelando 1/; **el Nord-ameriko (9):** Kanado 3/ Usono 6/; **el Sudameriko (7):** Argentino 2/ Brazilo 2/ Kostariko 1/ Kubo 2/; **el Afriko (10):** Benino 2/ Gano 1/ Kongo 1/ Komoro-insuloj 1/ Madagaskaro 1/ Niĝerio 1/ Senegalio 1/ Sudafriko 1/ Togolando 1/; **el Eŭropo (108):** Albanio 2/ Belgio 5/ Britio 1/ Bulgario 3/ Ĉeĥio 4/ Danio 3/ Finnlando 3/ Francio 33/ Germanio 4/ Hispanio 3/ Islando 3/ Italio 9/ Hungario 5/ Kroacio 1/ Luksemburgio 1/ Malto 1/ Nederlando 4/ Norvegio 2/ Pollando 5/ Rusio 4/ Serbio 5/ Svedio 3/ Svislando 3/ Ukrainio 1.

Danke al vi karaj, mi plu luktas, luktos pli pasie por morgaŭa pli bona mondo.

***OSIOKA Taeko, Japanio***

Informo: Vojaĝo kaj turismo

# Ĉirkaŭmonda vojaĝo

**Sukcesa vojaĝo kaj planoj por 2008/2009 fare de E-klubo en Pollando.**

Internacia Klubo ESPERANTOTUR en Bydgoszcz, okazigis dum 14.02 – 24.03.2008 la 40-tagan ĉirkaŭ-mondvojaĝon tra 20 landoj, 4 kontinentoj kun 3 luksaj ŝipkrozadoj. Ni flugis el Pollando tra Britio, Antigvo, Portoriko al Dominika Respubliko. De tie ni ŝipkrozadis dum unu semajno tra Sankta Marteno, Sankta

Martino, Dominiko, Grenado, Venezuelo, Arubo kaj sekve dum la dua semajno per la sama ŝipo *"Legend of the Seas"* tra Sankta Kitso, Gvadelupo, Martinico, Barbadoso, Sankta Lucio. Poste ni traflugis Usonon vizitante Novjorkon, Chicago kaj Los Angeles de kie ni flugis al Auckland. La tria 12-taga ŝipkrozado per *"Sapphire Princess"* daŭrigis ĉirkaŭ Novzelando kun Fjordlando, Tasmanio al Melbourne, Sydney. El Aŭstralio ni revenis tra Hongkongo, Ĉinio, al Pollando. Ĝi estis la plej luksa ĉirkaŭmonda vojaĝo de Esperantotur, sed relative favorpreza.

La 20-an de aprilo 2008 – dimanĉe je la horoj 8.30 – 11.00 post malfermo de Internacia Internet-Kafejo "Esperanto" ĉe Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo en Bydgoszcz okazis la Ĝenerala Kunveno de Internacia Klubo ESPERANTOTUR dum kiu oni akceptis ofertojn kun prezoj por grupvojaĝoj al. internaciaj Esperanto–aranĝoj dum 2008 jaro kaj jam por 2009 jaro. Se Vi volas, ke Esperanto-grupoj 6-50 personaj partoprenu Viajn Esperanto–aranĝojn venu aŭ sendu Viajn E-turismajn Esperanto–ofertojn. Por sukcesi aranĝi Esperanto–grupvojaĝon al Via E-aranĝo necesas almenaŭ 6 monata varbado, ĉar ne facile estas kompletigi Esperanto-grupojn, precipe busajn. Surbaze de Viaj Esperanto–ofertoj ni kompletigos nian Internacian Turisman Esperanto–Kalendaron por 2008/2009 jaroj kaj maje 2008 dissendos ĝin tra la tuta mondo.

Ni atendas Vian kunlaboron kaj aliĝadon.

Kore salutas,

***Andrzej Grzebowski***
***Prezidanto de Internacia Klubo "ESPERANTOTUR"***
***en Bydgoszcz, str. M. Sklodowskiej Curie 10, Pollando***
***rete: info@esperanto-turismo.org***

## AEL Jarkotizo

Individua Membro: ................$ 30,00
Junulo kaj Emerito: ................$ 15,00
Virtuala Membro [kaj donacoj]: laŭvole

# Anuncios

## AEL necesita su adhesión

Si Ud desea abonar su adhesión, colaborar con las tareas de AEL o adherirse a UEA envíe su aporte mediante depósito en Banco Francés, [sin costo], cuenta N° 147005789/3, a nombre de: Alcides Pieter Wentinck,
DNI 93.709.394,
Calle Libertad 3226
B1602DJD Florida, Vicente López
Buenos Aires
y luego indefectiblemente informe sobre dicha operación a:
wanelec@sion.com

Si desea colaborar con la edición y distribución de la revista ***Argentina E-Vento*** también puede enviar su contribución mediante el "Banco Patagonia", depositando su aporte en "Caja de Ahorro" suc. 110, Sáenz Peña, cuenta N° 394101439, del Sr. Oscar C. Monge, [sólo se descontará $7,27 como gasto bancario por depósito].

Rogamos siempre informar sobre su operación a esta redacción:
rubendiaconu@yahoo.com.ar.

## Agradecimientos

Por las adhesiones y colaboraciones recibidas AEL agradece a: F. Veuthey [NL/AR], B. Morzán [Chaco].

La Redakcio kore dankas pro jenaj E-ricevaĵoj: Esperanto [NL], Heroldo de Esperanto [CH], La KancerKliniko [FR], La Espero [SE], Bazaro [RO], Antaŭen [ES], Gaja Haveno [BR], Informilo de Internacia Centro pri Kulturo kaj Turismo [PL], Monate Ĉe Vi [ES], Boletín [ES], Gaŭĉa Stelo [BR].

Se via sendo ne aperas Bv. informi al la Redakcio.

# Distraĵo

## Ŝanĝu la strategion!

Blindulo sidis sur la ŝtuparo de granda konstruaĵo. Apud liaj piedoj estis metita la ĉapelo kaj tabuleto kun la teksto: "Mi estas blindulo. Bonvolu helpi min"

Preteriris ĵurnalisto. Rimarkante, ke en la ĉapelo estas tre malmultaj moneroj, li metis kelkajn monbiletojn kaj sen demando, li prenis la tabuleton kaj sur ĝia dorso li skribis ion. Post tagmeze, revenante al la blindulo, li rimarkis, ke la ĉapelo preskaŭ estas plena da monbiletoj!

La blindulo rekonis la paŝojn de la ĵurnalisto kaj demandis lin: Ĉu vi estis tiu, kiu skribis ion sur mian tabuleton? Kion vi skribis?

La ĵurnalisto respondis: Nenion malveran! Nur mi donis alian formon al viaj vortoj! – kaj ridetante li foriris.

Tiel la blindulo ne eksciis, ke sur la tabuleto jena teksto troviĝis:

ESTAS PRINTEMPO,
KAJ MI NE VIDAS ĜIN!

Milda instruo: se vi ne sukcesas efike helpi iun homon, provu ŝanĝi la strategion, eble vi sukcesos.

***Bazaro n-ro 44, printempo 2008 (RO)***

## La sufero de l´ aliaj

Claude Piron (1931-2008)

La sufero de amiko ol propra pli turmentas,
la sian oni portas, kaj oni konas ĝin,
kaj ŝajnas laŭnature, se lacon oni sentas,
ke oni ĝin elportu, ĉar laŭ destin´.

Ĝi estas posedaĵo, kaj oni je ĝi riĉas,
sed kiam proksimulon bruligas la dolor´
ne eblas komuniko, kaj oni malfeliĉas,
ke oni staras stulte kun senefika plor´.

Kaj ĉia simpatio aŭ pruvo de kunsento
ne povas liberigi se suferula sol´,
ne povas agi brakoj, man´plenas nur per vento,
dum vortoj ne dolĉigas, kaj senutilas vol´.

Ho! Tiel vidi fraton kun vundo tro intensa,
kaj scii ke nenio lin gvidos el ĉagren´,
ne povi porti pecon de lia peno densa
kaj resti sen rimedo rolante en malplen´!

Ekvidi en okuloj alvokon de alarmo,
kaj aŭdi la doloron tremanta en parol´,
proksimi, sed ne povi, el amikeca varmo,
pli doni ol kompaton, kun vano de konsol´.

Preferas mi suferi inferon da sufero
ol senti ĝin en frato kaj stari antaŭ mur´,
tra kiu varma lumo de mia am-ofero
ne povas elradii ĝis lia malsekur´.

**Redakcio de Argentina Esperanto-Ligo:** Calles 119 y 122, AR-H3700FTT Pres. R. Sáenz Peña, Argentino

**Sr/a :**

